# LA JUBILEA

Oficiala gazeto de la XXIX Universala Esperanto-Kongreso



Varsovio, januaro-februaro 1937 Nr. 1—2.

ENHAVO:



La Alta Protektanto de la Jubilea Esperanto-Kongreso
Prof. D-ro IGNACY MOŚCICKI - Prezidanto de Pola Respubliko.





# AL ĈIUJ REDAKCIOJ DE ESPERANTAJ ĴURNALOJ

Bonvolu afable represi el „La Jubilea“ ĉiujn komunikojn kaj artikolojn pri la Universala Kongreso. Apartajn komunikojn ni de nun ne sendos. Nur en la esceptaj kaŭzoj ni sendos specialajn komunikojn.

Antaŭe dankante por la samideana helpo, kiu sukcesigos nian ĉi jaran Feston Esperantistan, sendas amikajn salutojn

Redakcio de „La Jubilea“.

# AL ESPERANTISTOJ DE LA TUTA MONDO!

Kara Samideano!

En la nuna malfavora por nia movado tempo la tutmonda esperantistaro solene festos la Oran Jubileon de Esperanto-ekzistado. Dum kvindek jaroj dank' al laborado, penadoj kaj klopodoj de miloj da nekonataj pioniroj, oferemaj idealistoj, la esperanta movado disvastiĝis ĉiam pli, kreinte multajn konsiderindajn valorojn kaj kulturajn trezorojn.

Por brile kroni la Jubileon de Esperanto okazos en Varsovio ĉi-jare la Universala Kongreso. Ĉe la tombo de nia neforgesebla Majstro kolektiĝos la reprezentantoj de multaj popoloj, kiujn la genio de Zamenhof kunligis per unu lingvo komuna.

Ĉu troviĝas en la vasta mondo Samideano, kiu ne dezirus klini la kapon antaŭ la cindroj de la Majstro? Ĉu ekzistas Samideano, kiu ne volus konatiĝi kun la urbo, en kies muroj verkis kaj laboris la Majstro kaj liaj unuaj fidelaj disĉiploj, Grabowski, Zakrzewski k. a.?

Kara Samideano! Tiu ĉi kongreso devas esti potenca demonstracio de nia movado kaj forta pruvo al la indiferenta mondo pri nia ekzisto. La kongreso tamen estos impona, se ĝin partoprenos kiel eble plej multe da Samideanoj. Tial ne hezitu kaj aliĝu tuj al la Jubilea Kongreso en Varsovio! Se Vi mem ne povas ĉeesti nian Feston Tutmondan, zorgu, ke almenaŭ aliaj Samideanoj veturu al Varsovio. La Loka Kongresa Komitato klopodas pri diversaj aranĝoj kaj penos kontentigi la karajn gastojn. Via devo estas partopreni **la Jubilean** por manifesti nian volon kaj deziron marŝi antaŭen ĝis la venko de nia ideo.

Kara Samideano! Varsovio, la ĉefurbo de Polujo, Varsovio, la lulilo de Esperanto - Movado, Varsovio, la eterna ripozejo de nia Majstro, plej kore invitas Vin!

Por Loka Kongresa Komitato:

**Leo Belmont,**
**D-ro Adam Zamenhof,**
**D-rino Zofja Zamenhof,**
**Bronisław Wyszyński,**
**D-ro Wilhelm Róbin,**
**Kazimierz Zajączkowski,**
**Aleksander Hartman.**

# INTERKONSENTOJ

Ĉi-sube ni donas tekstojn de interkonsentoj, kiujn LKK de la Jubilea subskribis kun UEA kaj IEL por garantii al Kongreso plenan neŭtra lecon en la nuna situacio kaj ebligi al ambaŭ Asocioj trankvilan kaj fruktodonan laboron.

Ni pensas, ke tutmonda samideanaro plene aprobos nian vidpunkton, kiu, laŭ nia opinio, estis momente unike ebla.

Aldone ni informas, ke interkonsento kun UEA jam estas akceptita definitive de ambaŭ flankoj kaj tiu kun IEL estas nun voĉdonata de la Landaj Asocioj, apartenantaj al ĝi. Ni esperas, ke ĝi estos aprobita kaj ke la Jubilea Kongreso okazos en amika kaj samideana akordo por la bono de nia granda Movado.

Varsovio, la 20 an de Decembro 36.

**INTERKONSENTO.**

Inter Provizora Komitato de UEA kaj la LKK de la 29 Universala Kongreso de Esperanto dum kunsido okazinta la 19an de Decembro en Varsovio estas farita la sekvanta interkonsento:

Penetritaj de la arda deziro, ke la Esperan-

tistoj de la tuta mondo povu partopreni en kora interkonsento sian Jubilean Kongreson en Varsovio la lulilo de nia lingvo, Loka Kongresa Komitato de la 29-a Universala Kongreso de Esperanto interkonsentas kun la Provizora Komitato de UEA pri suba aranĝo:

> LKK organizas Jubilean Kongreson sendepende de iu ajn, sin turnante rekte al la samideanoj de la tuta mondo.
> La plenumo de la laŭstatutaj devoj rezultantaj el aranĝoj de la Jubilea Kongreso estas ĝisplue prokrastataj.
> Jubilea Kongreso en ĉiuj formalaj kaj praktikaj demandoj sekvos tradicion de ĝisnunaj Universalaj Kongresoj.

La du Komitatoj esperas, ke tiu ĉi interkonsento, farita sole kaj nure en la intenco akceli harmonion inter la Esperantistoj helpos al la Jubilea Kongreso en Varsovio fariĝi memorinda manifestacio en la vera spirito de nia Majstro D-ro Zamenhof.

(—) Hans Jacob. (—) A. Hartman.

Varsovio, la 8-an de Januaro 37.

**INTERKONSENTO.**

Inter Provizora Komitato de IEL kaj LKK de la 29a Universala Kongreso de Esperanto dum kunsido, okazinta en Varsovio la 7-an de Januaro 1937 estas farita la sekvanta interkonsento:

Dezirante, ke Jubilea Kongreso en Varsovio estu plej sukcesa, LKK de la 29-a Universala Kongreso de Esperanto kaj la Provizora Komitato de Internacia Esperanto-Ligo, ambaŭ penetritaj de arda deziro ebligi al ĉiuj esperantistoj partoprenon en la Jubilea Festo de Esperanto en la lando kie naskiĝis la Majstro kaj Lia genia verko, interkonsentas jene:

> LKK organizas la Jubilean Kongreson sendepende de iu ajn, sin turnante rekte al la samideanoj de la tuta mondo.
> Tiucele la LKK varme petas kaj esperas aktivan kunlaboron de ĉiuj landaj organizaĵoj esperantistaj por organizi kaj sukcesigi Kongreson. Iliaj reprezentantoj konsistigos Internacian Porkongresan Komitaton, kun kiu LKK interkonsilos en programaferoj.
> LKK ne organizas mem laborkunsidojn. Ili estos organizataj aparte de IEL kaj UEA.

La du Komitatoj esperas ke tiu ĉi interkonsento, farita, same kiel la interkonsento de LKK kun Provivzora Komitato de UEA, sole kaj nure en intenco akceli harmonion inter la Esperantistaro, helpos al la Jubilea Kongreso en Varsovio fariĝi memorinda manifestacio en la vera spirito de nia Majstro Zamenhof.

(—) Cecil C. Goldsmith, (—) A. Hartman.

# VARSOVIO — LULILO DE ESPERANTO

„ ... kaj bonvolu prepari por ekspedo tiujn 200 komunikojn kaj 500 afiŝojn" — diris, forirante, la ĉefsekretario.

Mi restis sola.

Fajfetante, mi komencis skribi adresojn sur kovertoj. Estis jam noktomezo. — Poste mi sidiĝis ĉe monteto da murafiŝoj kaj komencis ilin paki. Samideano el Svedujo petas 10 ekzemplerojn: — farite! Alia el Ĉeĥoslovakujo 30: — farite! Alia el... (jam estas preskaŭ 1. horo nokte, mi oscedas). Alia el Japanujo petas 150 afiŝojn. Mi (denove oscedas) kalkulas: 17, 18, 19, 20....

El Japanujo... Ho, mi tre ĝojus se venus al nia kongreso la simpatia samideanino J. T., kiu tiel ĉarme ornamis la Vienan!... kaj s-ino Siri el Svedujo, kaj s-anoj A., B., C.,... el Francujo, el Italujo, el Estonio, el Holando, el...

... Jen ili estas, svarmas en la kongresejo... „Ho, saluton samideano, saluton! Kiel Vi fartas? Denove ni renkontiĝas". Manpremoj, ĝojo, jubilea agordo; miloj da internaciaj amikoj amasiĝis en la Zamenhofa urbo por festi en plena harmonio sian grandan feston, por spiri aeron de Varsovio, aeron kiun spiris nia Majstro, por promeni tra la stratoj tra kiuj Li ofte rapidis, pensema, al pacientoj, al kiuj minacas blindiĝo, por rehavigi al ili klaran vidpovon...

Rido, tumulto, interkonatiĝo.

„— Unua vizitado de la urbo! — Kiu iras?" Jam formiĝis kelkaj grupoj.

Varsovio (pole Warszawa — legu Varŝava)— ĉefurbo de Polujo — nombras nun 1¼ milionojn da loĝantoj. Ĝi rapide moderniĝas. Oni ne devas forgesi, ke ĝi estis dum pli ol 100 jaroj ĉefurbo de sklavigita kaj dispartigita lando kaj post reliberiĝo en 1918 ĝi komencis novan, liberan vivon.

Ni komencas vizitadon de la „Malnova Urbo". Ni staras sur la limo de nova kaj malnova parto de l' urbo, sur „Placo Kastela" (Plac Zamkowy). Jen leviĝas alten 20-metra kolono kun monumento de l' reĝo Sigismundo III. starigita en 1644 (la sama kiu ornamas nian kongresan afiŝon). Jen granda malnova bruna konstruaĵo—Reĝa Kastelo, alikonstruita en XVII jarcento, poste denove kelkfoje detruita kaj renovigita. Ni vizitas ĝin interne. Tre interesa kun multaj belaj ĉambregoj, mebloj, pentraĵoj de Bacciarelli, Plersch, Canaletto, skulptaĵoj de Monaldi kaj Le Brun.

De Placo Kastela ni eniras straton de S-ta Johano, kie troviĝas la Katedralo, gota impona konstruaĵo el XIV jc. Interne interesaj tombomonumentoj, pentraĵo de Raphael, sarkofago kun korpo de mondfama pola verkisto Henriko Sienkiewicz. — Ni iras pluen. Preskaŭ ĉiu domo parolas per sia historio. Rigardante ĉirkaŭen ni eniras la Ĉefplacon de Malnova Urbo, la plej pentrindan parton de Varsovio; mallarĝaj domoj kovritaj de belege koloritaj basreliefoj; ĉiuj domoj tre malno-

vaj, el XV, XVI, XVII jc. Unu el tiuj domoj (Baryczków) enhavas muzeon, en alia estas fama vinejo de Fukier, fondita en la komenco de XVII jc. Tie oni povas trinki malnovegan vinon aŭ faman polan mielakvon.

Ni promenas tra mallarĝaj stratetoj de Malnova Urbo: Podwale, Kamienne Schodki (Ŝtona kontraŭe staras preĝejo de S-ta Kruco kun rimarkinda statuo de Kristo sur la ŝtuparo. La plilongigo de tiu ĉi strato, „Nowy Świat", kondukas al „Placo de 3 Krucoj" kun preĝejo de S-ta Aleksandro kaj al Aleo „Ujazdowska". Tie ni vidas dekstre imponajn palacojn, ambasadorejojn, maldekstre belajn ĝardenojn: Ujazdowski, Botanika kaj Ła-



„Rynek" — la Ĉefplaco en la malnova parto de Varsovio.

Ŝtupareto), ĉarmega Kanonia kaj impresitaj ni triviĝas denove sur Kastela Placo.

Ni iras laŭlonge larĝan straton „Krakowskie Przedmieście" kun multaj monumentoj kaj atentindaj konstruaĵoj. Jen monumento de plej granda pola poeto Adam Mickiewicz, jen preĝejoj de S-ta Anna en baroka stilo kaj de Vizitandinoj en la rokoka. Jen Universitato, jen monumento de Nikolao Kopernik, la mondfama pola astronomo, apude la domego de Societo de Scienc-amikoj, zienki. Tiu ĉi lasta estas la plej bela parko en Varsovio. En ĝi troviĝas (nepre vizitinda) koketa palaco de lasta pola reĝo Stanislao Aŭgusto Poniatowski, staranta apud lago. En Łazienki estas ankaŭ rimarkinda sentegmenta teatro, simila al grekaj amfiteatroj, kaj monumento de Chopin. Ĉe la fino de Aleo Ujazdowska staras empira palaco Belvedero el 1822. jaro, eks-sidejo de l' Marŝalo Piłsudski, nun muzeo kun Liaj postmemoraĵoj. Ni revenas al centro de l' urbo tra strato Marszał-

kowska, ĉe kies fino etendas sin Ĝardeno Saksa. Ni haltas iom ĉe str. Królewska 41, la domo kie mortis la Majstro kaj kie nun loĝas liaj infanoj, en la sama loĝejo, plena da karaj por ĉiu esperantisto memorajoj.—Tra Saksa Ĝardeno ni aliras al Placo Piłsudski, kie ni vizitas Tombon de Nekonata Soldato kaj rigardas originalan monumenton de Princo Józefo Poniatowski nacia heroo, skulptaĵo de Thorwaldsen. Apude situas Muzeo de Belartoj kaj Instituto por Propagando de Arto.

Tra strato Wierzbowa ni atingas Teatran Placon. Tie staras la Urbdomo kaj empirstila „Granda Teatro“ (operejo kaj 2 aliaj teatroj). Poste, tra str. Senatorska ni trovas straton Miodowa kun preĝejo de Kapucenoj, fondita en XVII jc. de la reĝo Jan III. Sobieski memore al defendo de Vieno kontraŭ turkaj armeoj. Proksime staras ĉefepiskopa palaco kaj sur Placo Krasiński baroka palaco de Krasiński, kie nun troviĝas la Plej Supera Juĝejo.

Tra ĝardeno de Krasiński ni venas en la hebrean kvartalon. Tie ni trovas facile la straton de Zamenhof kaj historian por ni domon Nr. 9, kie dum multaj jaroj vivis kaj laboris la Majstro, de kie Li sendis en la mondon antaŭ duonjarcento sian „Unuan Libron“ de Dro Esperanto. Malriĉa, modesta kvartalo, simpla kiel la tuta vivo kaj animo de l' unu el la plej grandaj filoj de l' Homaro. Ni revenas al centro de l' urbo: ni rigardas Filharmonion, Ĉefpoŝtejon kaj en la suda parto Politeknikon. En la suda antaŭurbo, Mokotów, troviĝas Supera Komerca Lernejo kaj Agrikultura Lernejo.

Specialan promenadon ni faras tra „Aleo de 3 Majo“ kaj Ponto Poniatowski al antaŭurbo Praga, kuŝanta sur dekstra bordo de Vistulo. Tie ni vizitas la vastegan belan parkon de Paderewski.

Iun belan matenon la tuta Kongreso ekskursos al ĉarma Wilanów apud Varsovio, rezidejo de l' reĝo Jan Sobieski. La palaco kaj parko ĉe Vistulo — mirinde belaj kaj romantikaj.

Kaj vespere la ŝipa promenado sur Vistulo! Tion oni ne rapide forgesas...

Jen farita rapidega trarigardo de l' urbo. Ĉiu el vi, Samideanoj, trovos ion speciale interesan por vi. Estas trovebla ĉe ni bona teatro, belaj dancejoj, ĉarmaj inoj, fervoraj esperantistoj...

* * *

Ni denove estas en la kongresejo, amikoj svarmas, ĉiuj ĝojas pro la denova plena konkordo en nia movado, pro la plaĉa kaj gastama urbo...

„Ni kantu nian „Esperon“:

... Tra la mondo iras forta vooooko!...

... He, kiu vokas? Estas mi mem! — Kie mi estas? Ha, ĉu eble? Samideanoj el Turkujo, Hispanujo, Anglujo, Argentino... Antaŭ mi — Varsovia Kastelo, alta kolono de Sigismundo... Verda stelo leviĝas super Varsovion.



Palaco de Krasiński — nuntempe Supera Juĝejo.

Nokto. Mi sidas ankoraŭ en nia LKK-oficejo, tenante en la manoj kongresafiŝojn. Jam mateniĝas. La verda stelo leviĝas pli kaj pli alten... Ĝi forte radios dum aŭgusto 1937. Ĝiaj radioj denove iros al la Tutmondo el Varsovio...

Samideanoj, venu! Malnova pola proverbo diras: „Gasto hejme — Dio hejme!“

La sanktaj Ombroj de l‘ Majstro atendas.

Ĉe Lia Tombo ni ĵuru. Kaj venku!

Lokokero.

# FESTO DE VETERANOJ

Unu el la ĉefaj punktoj de la Jubilea Kongreso estas la „Festo de Veteranoj“. Ĝi estos la sola okazo por dece honorigi tiujn unuajn batalantojn de nia afero, kiuj laboris en plej malfavoraj tempoj, primokataj de ĉiuj, sen apogo kaj subteno. Dank' al ilia idealismo kaj oferemo, paŝon post paŝo krei ĝis la nuna Movado, kiun nenia bato de l‘ sorto povos pereigi, kiu kontraŭstaris la teruran tempon de l' granda milito, kiu venke kontraŭstaras krizon, kiu ankaŭ ne malaperos pro malpermesoj en tiu aŭ tlia lando.

La unuaj tempoj de Esperanto, la unuaj pioniraj laboroj, en kiuj partoprenis tiel aktive la Majstro mem kaj iliaj plej proksimaj disĉiploj estas de ni, iliaj posteuloj prave konsiderataj kiel heroaj.

Ĉiu movado, celanta la bonon de l' homaro, malfacile traborinta sian propran vojon tra l'arbarego de antaŭjuĝo, kritikemo, obstino kaj malklereco — havis siajn apostolojn kaj heroojn. Ni havas ankaŭ niajn kaj por ilin honori ne prezentiĝos pli bona okazo ol la Jubilea Kongreso, kiu devas fermi la unuan duonjarcenton de la esperanta vivo.

El ilia idealismo kaj obstina persisto ni ĉerpu novan forton por pluen marŝi al la venka celo.

Ni klinu la kapojn je l' memoro de tiuj, kiuj forpasis por ĉiam, ĉar...

La mond' aliiĝos, la temp' pasos for,
Sed vivas eterne pri ili memor'.

Antoni Grabowski.

Kaj al vivantaj ni donu nian koron kaj indan samideanan honorigon, kiu estu la modesta pago de nia al ili ŝuldo.

### ENKETO de VETERANOJ.

Ĉu nova partio? Ĉu ne eraro? Eble „vegetaranoj“?

Ne, ne eraro. Ne nova partio, sed malnova aro da homoj, kiuj la unuaj okupiĝis antaŭ 40—50 jaroj pri propagando de nia kara ideo kaj bone antaŭvidis ĝian triumfon.

Se por ĉiu aparta aktiva samideano la 29 Jubilea Kongreso devas esti festo, pruvo de 50-jara disvolviĝo, — tiom pli ĝi estas ĝoja soleno por tiuj, kiuj iniciatis la movadon, ĉiu en sia lando — kaj ĝisvivis la nunan Jubileon.

Tial la 29-a Jubilea Kongreso decidis aranĝi por tiuj pioniroj de nia movado specialan „Feston de Veteranoj“, kaj disdoni al ili specialajn „Honorajn Insignojn“.

Sed por ke tiu „Festo“ povu vere respeguli la unuan epokon de Esperanto en ĉiu lando,—ni opinias, ke estus konvene, se ĉiu el „Veteranoj“ bonvolus skizi malgrandan historieton de sia tiama laboro, eltiri el la mallumo tiamajn agemajn kaj fervorajn samideanojn, — por ke ni povu kunmeti tiujn faktojn kaj eble eldoni ilin en aparta libro, dediĉota al la unuaj pioniroj de nia movado.

La „Encikl. de Esp.“ sufiĉe bone pentras tium problemon en multaj landoj, — sed tamen estus por ni tre allogaj kaj interesaj apartaj voĉoj de tiuj, kiuj travivis mem la unuan periodon de Esperanto, precipe iliaj rimarkoj, sugestoj kaj opinioj pri nia pasinteco.

Por faciligi kaj ordigi la materialon, ni proponas enketon kun jenaj demandoj:

1) En kiu jaro Vi komencis okupiĝi pri Esp.?

2) Ĉu en Via lando ekzistis tiam esperantistoj Iliam nomoj, se eble.

3) Kion Vi mem entreprenis por la propagando en Via lando?

4) Kiu kunlaboris kun Vi?

5) Kiuj el Viaj kunlaborintoj vivas nun? Iliaj adresoj?

6) Kiel nomiĝis la unua esp. organizaĵo en Via lando? Prezidanto?

7) Kiam aperis unua esp. ĵurnalo en Via lando? Nomo? Jaro? Redaktoro?

8) Kion Vi opinias pri la nuna stato de nia movado? Ĝenerale kaj en Via lando?

9) Kion Vi pensas pri la estonteco de nia movado?

10) Kion Vi proponas por rapidigi la triumfon de Esp.-

Ni kore petos karajn Kolegojn - Veteranojn respondi baldaŭ al punktoj, — por ke ni povu zorgeme prilabori la materialon kaj prepari resumon por la „Veterano-Festo“ dum la 29-a Jubilea en Varsovio.

### PROPONO DE LA REGULARO DE „JUBILEA STELO“.

§ 1. „Jubilea Stelo“ estas starigita de la LKK de la Jubilea Kongreso interkonsente kun Centraj Organizoj Esperantistaj por distingi kaj honorigi gesamideanojn, batalintaj por nia Movado en la plej malfacilaj tempoj de la unuaj periodoj de nia movado.

§ 2. „Jubilea Stelo“ estas „ora“ kaj „arĝenta“ — unua por esperantistoj kies partopreno en la Movado datiĝas antaŭ la aŭgusto de 1905 jaro (Unua Kongreso) kaj dua por tiuj, kiuj aliĝis al la Movado antaŭ aŭgusto de la 1912 jaro.

§ 3. Estas starigata ĉe LKK de la Jubilea speciala Komisiono de „Jubilea Stelo“, kiu aljuĝos la „Jubilean Stelon“ al konformaj personoj aŭ organizaĵoj.

§ 4. Ĉiu persono aŭ societo, kies esperantista agado konformas al § 2 de tiu ĉi regularo sendu bone pruvitan kaj motivitan proponon al la speciala Komisiono de la „Jubilea Stelo“ plej malfrue ĝis la 15 de julio k. j.

§ 5. Decidoj de la Komisiono de la „Jubilea Stelo“ estas senapelaciaj.

§ 6. Ĉiu el dekoritaj personoj aŭ societoj ricevos konforman diplomon.

---

En sekvonta numero sekvos ĉiuj detaloj pri la „Jubilea Stelo“.

# FAKAJ KONFERENCOJ

La Jubilea okazos dum speciale malfavoraj cirkonstancoj. Ĝi estos Kongreso, kiu post antaŭaj, iom turistaj kaj festaj, laŭ ĉies preskaŭ postuloj devas esti por-esperanta kaj labora — kaj samtempe ĝi estos la unua Kongreso kiu ne havos oficialajn laborkunsidojn. Pro situacio en esperanta movado dum ĝi okazos nur laborkunsidoj de IEL kaj UEA — kiuj aparte sur siaj terenoj laboros kaj diskutos.

Ni do decidis, ke temoj, tre gravaj kaj urĝaj, kiuj kutime dum ĝeneralaj laborkunsidoj simple dronis en bagatelaĵoj — nun estu apartigitaj kaj diskutataj en zorge preparitaj konferencoj. — Ĉilastaj ne finiĝu per nura akcepto de la rezolucio kaj kuttima „ĝis revido en...“ sed kreu ion, kio servus konstante por la movado.

Krom la kutimaj jam Konferenco de TEKA kaj Kongreso de UABO ni organizas Grandan Pedagogian Konferencon (sub gvido de TAGE) kies voksignalo estos: Esperanto en lernejojn! Ni volas. ke ĝi okupiĝu ankaŭ pri kreo de Internacia Esp. Oficejo por lerneja korespondado kaj interŝanĝo de junularo.

Dua de ni organizata Konferenco estos turista, por krei internacian turistan centron esperantistan kaj instigi ĉiujn Landajn Asociojn krei turistajn oficejojn.

Tria estos Konferenco de profesiaj ĵurnalistoj por krei Internacian Gazetaran Servon Esperansistan kaj ebligi vastan propagandon en tutmonda gazetaro.

Estas proponataj ankaŭ aliaj konferencoj (katolika kaj de Unuiĝo de Esp. Virinoj) pri kies celo kaj programo ni donos informojn en sekvontaj numeroj de „La Jubilea“.

Ni tamen petas ĉiujn samideanojn pri bonvola kunlaboro kun LKK kaj sendo de tiurilataj proponoj.

**AL TEKA-ANOJ.**

Karaj kunfratoj!

En Varsovio okazos en aŭgusto (7. VIII.—15. VIII. 1937) la 29-a Universala Jubilea Kongreso de Esperanto.

La TEKA deziras organizi dum tiu ĉi kongreso kunsidojn, kiuj devas fariĝi multe vizitataj kaj reprezentantaj kunvenoj.

Estas projektataj **3 kunsidoj:**

**I-a kunsido kune kun la Internacia Scienca Asocio Esperantista**, kiun partoprenus diversspecaj sciencistoj: inĝenieroj, ĥemiistoj, ekonomiistoj, juristoj, medicinistoj ktp. Tiu ĉi kunsido celas montri al la invitotaj gastoj, membroj de la Registaro kaj scienculoj, la valoron de la Esperanto-Movado por la ĝenerala scienco. Tiun ĉi ideon pri komuna kunveno de ISAE kaj TEKA mi interkonsentis kun la prezidanto de ISAE, prof. d-ro Odo Bujwid.

**II-a kunsido** estus pure **interna TEKA**-ana, kie ni priparolus niajn aferojn, la demandon pri Internacia Medicina Revuo, pri vigligo de nia afero en medicinaj rondoj ktp.

**III-a kunsido** estus dediĉita al pure **scienca medicina** programo, kie diverslandaj kolegoj-medicinistoj tuŝus sciencajn, sociajn kaj fakajn medicinajn temojn.

Ĉu ni sukcesos? Kiel ni scias, en la historio de Esperanto medicinistoj de la unua momento marŝas en la unuaj vicoj. Kiu ne konas nomojn de prof. Richet, prof. D' Arsonval, prof. Forel, prof. Calmette, prof. Vierordt, prof. Strauss, prof. Bouchard, prof. Broca, prof. Bergonié, prof. Jameson-Johnston kaj multaj, multaj aliaj mondkonataj famuloj, kiuj aliĝis al la movado kaj laboris kun ni? Kiu ne scias, ke ekz. en Japanujo la TEKA havas filion JEMA — Japana Esperantista Medicina Asocio — al kiu apartenas multaj famaj universitataj profesoroj, arde laborantaj por nia ideo (ni citu nur kelkajn: prof. Nishi, prof. Ogata, prof. Asada, prof. Suzuki, prof. Mochizuki, prof. Fuĵinami, prof. Cucumi k. a.).

Tutmonda Esperantista Kuracista Asocio estis fondita en 1909 kaj jam en 1910 ĝi havis **625 anojn**, landajn konsulojn en 29 landoj kaj reprezentantojn en 114 urboj de la tuta mondo. Nombro grandioza kompare kun aliaj Asocioj.

**En Polujo**, lando de la 29-a Universala Jubilea Kongreso de Esperanto, la TEKA-movado estas ankaŭ bone disvolvita kaj kalkulas en siaj vicoj eminentajn kuracistojn (prof. Bujwid, prof. Wrzosek, prof. Lubieniecki kelkaj doktoroj Zamenhof, d-ro Blassberg, d-ro Fels kaj aliaj).

Danke al tio ni esperas, że la TEKA-kunvenoj en Varsovio povos esti bone preparitaj.

La sukceso tamen dependas sole **de partopreno de alilandaj kolegoj**, kiuj donus al niaj kunvenoj karakteron de malgrandaj Internaciaj Medicinaj Kongresoj. Nur **diskutado de diversnacianoj** povos konvinki dubulojn pri nia praveco.

Ni do turnas nin al ĉiuj kunfratoj (kuracistoj, farmaciistoj, dentkuracistoj ktp.) kun jenaj petoj:

1) Se nur eble, **alvenu Varsovion** kaj anoncu tuj Vian ĉeeston en TEKA-kunvenoj.

2) Se nur eble, **preparu prelegon** por unu el la supre menciitaj kunvenoj kaj tuj nin pri tio informu.

3) Bonvolu **konsili al ni,** ĉu aranĝi la TEKA-kunsidojn antaŭ aŭ dum la ĝenerala kongreso?

4) Bonvolu respondi, ĉu dum la scienca TEKA-kunsido **tuŝi unu demandon,** t. e. elekti unu sciencan temon, kiun priparolus 3 referantoj el diversaj landoj (kiel oni ofte aranĝas dum Universalaj Medicinaj Kongresoj, ekz. temon pri „Novaĵoj en la kankra demando“ aŭ alian). La saman temon referus laŭ siaj vidpunktoj 3 kolegoj-fakuloj: internisto, rentgenologo kaj ĥirurgo.

5) **Ĉu lasi** al kolegoj liberecon en la elekto de temoj, kiel estis ĝis nun?

6) Ĉu ne prepari **deziresprimon** de la kongreso, prezentotan poste al Registaroj, ekz. pri enkonduko de nia lingvo en Internaciajn Medicinajn Kongresojn kaj en medicinajn ĵurnalojn? Tio havus eble pli firman signifon kaj fariĝus por ni bona propagandilo.

Jen la demandoj, kiujn ni permesas al ni prezenti nun kun espero, ke ĉiu el niaj amikoj bonvolos helpi nin, tuj respondos kaj tiamaniere aldonos sian briketon por nia estonta konstruaĵo.

**Dro W. Róbin**
Prezidanto de TEKA.

Estas fondita en Varsovio Komisiono por la TEKA—kunvenoj dum la 29 Universala Jubilea Esperanto-Kongreso.

La Komisiono konsistas el: D-ro A. Zamenhof, D-ro W. Knappe, D-ro B. Kryński, D-ro W. Róbin. Sekretario: D-ro M. Zamenhof.

La Komisiono ricevis por sia dispono belan salonon en la Regna Instituto de Higieno por la TEKA—kunvenoj.

Estas anoncitaj sciencaj referaĵoj:

a) de D-ro Tursz, Varsovio, Polujo,
b) de D-ro Justessen, Danujo,
c) de Prof. D-ro Lubieniecki, Poznań, Polujo.

Honoran membrecon bonvolis akcepti eksministro de Publika Higieno D-ro W. Chodźko.

*

## TAGE.

Dum la Jubilea okazos ankaŭ Internacia Konferenco de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (TAGE). Organiziĝis „Pedagogia LKK.“: dro Antoni Czubryński, docento en Libera Universitato Pola — prezidanto, s-ro Bolesław Głuchowski, popollernejestro — sekretario, d-rino Janina Ender, f-ino Zofia Macełkówna kaj s-ro Gedo Hecht — membroj. Oni prilaboras detalan programon interkonsente kun TAGE — estraro.

*

## U. A. B. O.

Inter kelkaj fakaj internaciaj kongresoj okazontaj dum nia Jubilea, perfekte antaŭanoncas sin la Kongreso de Universala Asocio de Blindul-Organizaĵoj. Ĝin formos: A) XIV kongreso de blindaj esperantistoj kaj B) III ĝenerala kunveno de UABO-delegitoj. (U. A. B. O. kalkulas nun 23 organizaĵojn el 16 landoj).

La Blindula LKK konsistas el: s-ro dir. Bronisław Wyszyński, prezidanto de LKK — prezidanto, majoro Edwin Wagner, parlamentano, prez. de polaj milit-invalidoj, kaj s-ro Edward Zawadzki, direktoro de Ŝtata Blindulinstituto en Varsovio—vicprezidantoj, kapitano Jan Silhan, prezidanto de UABO-sekretario, Eugeniusz Rytenberg — kasisto.

Ĉiuj blindaj kongresanoj kaj iliaj akompanantoj loĝos senpage en la Ŝtata Blindulinstituto, lokita en bela ĝardeno en la centro de l'urbo. Tie ili ankaŭ komune manĝos, pagante minimuman sumeton. Grupo da skoltoj-esperantistoj servos dum tuta kongres-tempo kiel gvidantoj. En programo de UABO-Kongreso estas antaŭvidataj: Solena Inaŭguro en la festsalono de Instituto kun partopreno de eminentuloj esperantistaj, registaraj kaj porblindulaj; koncerto kun partoŝreno de blindaj s-anoj (pianludos nia amiko Imre Ungar!); serio da laborkunsidoj, kaj „Internacia Blindul-ekspozicio“. Ĝi enhavos 2 fakojn: 1) fako esperanta, grupanta ĉiujn esp-aĵojn en brajla skribo, 2) fako teknika, grupanta ĉiujn modernajn helpilojn por blinduloj: geografiajn kartojn, bildojn, skribmaŝinojn, termometrojn k. t. p. Krom tio estos organizita speciala ekskurso al apudvarsovia blindulejo, lokita en kamparo.

Ni esperas ke la Jubilea ankaŭ en „Blindula rondo“ fariĝos grandioza manifestado de nia ideo kaj helpos ke la vortsignalo de Jubilea Jaro: „Esperanto en lernejojn!“ antaŭen puŝos intereson pri nia lingvo ankaŭ al lernejoj por blinduloj en tuta mondo. **ero.**

Juljan Tuwim.

# PATRUJO

Por mi Vi estas Di', patruj': —
Di' — Patr', Di' — Fil' kaj Di' — Spirito...
El ĉiu voj' pens' mia tuj
Al Di' forflugas en medito...

Patruj'! Vi estas kamp-eben',
Pol-flora kaj pol-kora ĉiam...
Ho, se permesu Dia ben',
Ke mi en ĝi ripozu iam...

Mia patruj' — gepatra dom', —
Azilo por sonĝar' infana, —
Trezor' sen nombro kaj sen nom',
Mia anĝele-vilaĝana...

Do en okul' — ĉiela blu'
De Vi — por mi, jam laca homo,
Viviĝas ĉio kune... plu:
Polujo, Di', gepatra domo!

El la pola originalo tradukis
Leo Belmont

Maria Konopnicka

# EL POPOLAJ MELODIOJ

Kiel preni Vin, knabino,
Kiel preni Vin,
Se gepatroj el dom' blanka
Ne fordonas Vin?...

Nek mi estas bird' flugila,
Nek mi estas bird',
Por ekflugi kun Vi supren
Per la venta flirt'!

Nek spirit' mi estas, kara,
Nek mi — la spirit',
Por Vin blovi, kiel roson,
El la flora lit'?!

Nek nebul' mi sur herbejo,
Nek mi — la nebul',
Ke mi kovru Vin, amata,
Antaŭ tag-okul'!

Nek mi estas tomb', knabino,
Nek mi estas tomb',
Por edziĝi ĝis eterne
Kun Vi per aplomb'.

Falas larmoj el saliko,
Larmoj el salik'...
Kiam Vi, suneto mia,
Lumos al amik'?...

Tradukis Leo Belmont



Varsovia „nubskrapulo" — Placo de Napoleono.

# KOMUNIKOJ DE LKK

## L K K.

Alta Protektanto de la Kongreso: Prof. D-ro Ignacy Mościcki, Prezidanto de Pola Respubliko.

Honora Prezidanto: Prof. D-ro Odo Bujwid, Prezidanto de P. E. D.

Prezidanto: Vicdirektoro Bronisław Bohdan Wyszyński, Prezidanto de Societo Turisma de Esperantistoj en Polujo.

Vicprezidantoj: D-ro Wilhelm Róbin, Kazimierz Zającżkowski, Leon Klimecki kaj Stanisław Karolczyk.

Ĝenerala Sekretario: Aleksander Hartman.

Sekretarioj: Lila Tazbirowa kaj Jan Zawada.

Kasisto: Stefan Lubliner, anstataŭanto Halina Weinstein.

Komitatano: Mieczysław Kaus.

## ADRESO DE LKK:

Warszawa 10, str. Chmielna 26 m. 8. Tel. 278-55 kaj 278-08. Pola Poŝtĉekkonto: 29 Universala Jubilea Kongreso de Esperanto, Warszawa N-o 23.445. kaj Société Genérale des Banques en Pologne.

Telegramadreso de la kasisto: Lublipres, Warszawa.

## FERVOJA RABATO.

Ĉiu kongresano ricevos de ni specialan legitimilon rajtigantan al la 33% rabato sur polaj fervojoj al Varsovio kaj returne.

La legitimilo rajtigas eksterlandanojn al 6-foja veturado en diversajn direktojn tra la lando kun la sama rabato.

**Grave:** Karavanoj konsistantaj minimume el 60 personoj ricevas 50% rabaton sur polaj fervojoj al Varsovio kaj returne plus 8-foja 50% rabatita veturado en diversajn direktojn tra la lando. Specialaj legitimiloj ne estas necesaj.

Ni klopodas akiri pluan rabaton, se ni sukcesos, ni informos pri tio ĝustatempe.

Ni turnas nin al diversaj landaj fervojministerioj petante rabaton por la kongresanoj. La Landaj Asocioj bonvolu subteni niajn klopodojn.

Laŭ la sciigo de Ĉeĥoslovaka Fervoja Ministerio ĉiu partoprenonto de la Universala Kongreso en Varsovio profitos de 25% rabato sur la ĉeĥoslovakaj fervojoj. La specialajn legitimilojn prizorgas s-ano R. Bloch, Praha-Smichov 106, Ĉeĥoslovakio.

Ankaŭ la Franca Fervoja Ministerio donas 40% fervojan rabaton al la Kongresanoj.

Informojn donas s-ro P. Petit, Rue de Neuilly 59, Rosny-sous-Bois, la franca karavanestro.

## KARAVANOJ.

Estas aranĝataj karavanoj el preskaŭ ĉiuj landoj pere de Landaj Asocioj, turismaj organizaĵoj k. a. Anonciĝis ĝis nun:

1) Brita Esperanto-Asocio, adr.: 142 High Holborn, London W. C. I.
2) Esperanto-Asocio en Ĉeĥoslovaka Respubliko, adr. Robert Bloch, Praha, Smichow 106.
3) Estona EsperantoAsocio, adr.: Helmi Dresen, poŝtk. 6, Tallinn.
4) Societo Franca por la Propagando de Esperanto, adr.: 34 rue de Chabrol, Paris X.
5) Ges-anoj Borel, Lyon I, 1, Quai Claude Bernard.
6) Hungara Esperanto-Federacio, adr.: Sari S. John, Budapest VI., Vilmos cs. ut 35.
7) Itala Esperanto-Centro, adr.: Galeria V. Emanuele 92, Milano.
8) Nederlanda Esperanto-Asocio „La Estonto Estas Nia“, adr.: Linnaeusparkweg 100, Amsterdam-O.
9) Norvega Esperantista Ligo, adr.: P. K. 942, Oslo.
10) Esperanta Turista Komisiono, Drottninggatan 18, Stockholm.
11) Aŭstria Esperanto-Asocio, Wien I, Neue Burg, Heldenplatz.
12) Finna Turismo, S-ino Tyyne Leivo, Engelinaukea 17. A. 5. Helsinki.
13) Jakob Telling, Rotterdam—C, Schietbaanlaan 106.
14) Harald Gronberg, Rosenvej 8, Risskov, Danujo.

## KOTIZOJ.

| PAGMANIERO*) per ĉeko, poŝtĉeko, postgiro, mandato, monbiletoj en registrita letero, banko. | Polaj złoty | Svisaj fr. | Anglaj ŝil. | Usonaj $ |
|---|---|---|---|---|
| I. Kongresa kotizo . . . . | 46.— | 38.— | 35 | 9.— |
| II. Kotizo por familiano de kongresano . . . . . . | 28.60 | 23.50 | 22 | 5.75 |
| III. Kotizo por gejunuloj malpli ol 18 jaraj . . . . . | 18.20 | 15.— | 14 | 3.60 |
| IV. Kotizo por helpkongresanoj (grupoj, societoj, institucioj, firmaoj, kiuj deziras montri sian simpation al la kongreso por helpi ties sukceson kaj por ricevi ĉiujn kongresdokumentojn, sed ne sendas reprezentanton) . . . . . | 18.20 | 15.— | 14 | 3.60 |

**Favorkotizoj por Frupagantoj:**

Frupagantoj de kategorioj I—III rajtas depreni procentaĵon kiel premion por frua pago, sed la mono devas esti en niaj manoj ĝis 30 aprilo 1937 — 20% kaj ĝis 30 junio 1937 — 10%.

* Pagmaniero: Pola Poŝta Ĉekkonto de la 29-a Universala Jubilea Kongreso de Esperanto, Warszawa, No. 23.445. El Svislando: Banque Nationale Suisse Zurich.

Oni povas uzi ankaŭ la poŝtĉekkontojn de la Kasisto (Stefan Lubliner, agentejo W. I. P.): Beograd — 65044, Berlin — 156.660, Bruxelles — 222461, s'Gravenhage — 145532, Kobenhavn — 24902, Luxembourg — 4593, Paris — 110097, Praha

